

# Boletín

Nº 346 majo/junio 2000




Sendube alloga kongreso

FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO

Asociación de utilidad pública

# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**

Ĉefredaktoro: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

Kunlaborantoj: Salvador Gumá, Miguel Fernández, Vicente Hernández, Andres Martín, Luis Serrano, Antonio Valén, Antonio Marco.

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

## Hispana Esperanto-Federacio

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto: 14.011.966, Caja Postal**
**admin@esperanto-es.org**
**www.esperanto-es.org**

Estraro
Prezidanto: Miguel A. Sancho.
**Vicprezidanto: José M. Galofré.**
Sekretario: Manuel Parra.
**Kasisto: Pedro Garrote.**
**Vicsekretario: Marcos Cruz.**
**Voĉdonantoj:**
**Luis Hernández,**
**Augusto Casquero,**
**Miguel Gutiérrez.**


## Enhavo


Estrarkunsido . . . . . . . . . . . . . . . 2
Donacoj . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 2
E-o en Expolingua: (*A. Manero*) . 3
Rememore pri la lasta HEF-kongreso (*M. Fernández*). 5
TV-eĥo...(*M. Pancorbo*) . . . . . . . 9
Interesa seminario (Mónica Cruz). . . . . . . . . . . . . 11
Subvencio de Fondaĵo Soler . . 11
Postkongrese (*M. Pancorbo*) . 12
Fundación Esperanto. . . . . . . . 13
Forpasis . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 14
Niaj Grupoj kaj Asocioj. . . . . . . 15
Instruado . . . . . . . . . . . . . . . . . . 16
HEJS (*David Trigo*) . . . . . . . . 21
UK 2026 *(Christian Tricio)* . . 22
KAFE kaj KEF . . . . . . . . . . . . 23
Ĉirkaŭ la mondo . . . . . . . . . . . . 24
Kongreso de Eŭropa Unio *(M. R. Urueña)* . . . . . . . . . . . . 25
Behi euskaldum baten memoriak *(Nikolao Ŝil)* . . . . . . . . . . . . . . 26
Aitor Arana *(J. Sarasua)*. . . . . 27
Esperanto en ne-esperanta litera turo *(Lorenzo Noguero)*. . . . . . 28
Olafo . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 29
Lingva angulo *(J. Camacho)* . . . 31
E-o en amaskomunikiloj *(Manolo Parra)* . . . . . . . . . . . . . 32
bildoj de la 59a HEK . . . . . . . k-d

# Estrarkunsido



La HEF-Estraro kunsidis en la Municipa Centro de Servoj, de San Sebastián de los Reyes (Madrid) la 29an de aprilo 2000 ekde la 13ª horo. Ĉeestis: Miguel Ángel Sancho, Marcos Cruz, Manuel Parra, Miguel Gutiérrez, kaj Augusto Casquero. Ankaŭ partoprenis en la kunsido la konsilantino Ana Manero kaj pluraj gekunlaborantoj. Salutojn kaj ekskuzojn prezentis la vicprezidanto José Mª Galofré, Pedro Garrote, Luis Hernández kaj Rafaela Urueña kaj la konsilanto José Mª Rodríguez.

Pritraktitaj aferoj:

1.-Oni aprobas la antaŭan protokolon (de la 13ª de novembro).

2.-La prezidanto informas pri planata ŝanĝo en la patronaro de "Fundación Esperanto".La meritaj patronoj estos Víctor Ortiz, Enrique Piquero kaj Antonio Marco; kaj la elektitaj patronoj estos Mª Rafaela Urueña, Lorenzo Noguero kaj José Mª Rodríguez Hernández.

Cetere, li informas ke la nuna kapitalo de la fonduso estas iom pli ol 13 milionoj da pesetoj kaj la rezultanta jara rentumo ĉirkaŭ 400.000 pesetoj, sumo aplikenda al la statutaj celoj.

3.- La Federacio sendos leteron al UEA, kun kopio al Kataluna Esperanto-Asocio (KEA). Tiu letero respondas la aludojn al HEF faritajn en la lasta kunsido de la komitato de UEA, en rilato al la ĉiama peto de KEA fariĝi landa asocio.

4.- Informas Miguel Gutiérrez, ke la reeldonon de "Nuevo Método de E-o" efektivigos la Madrida E-Liceo.

Pro manko de tempo, kaŭze de la kongresa programo, ni ne povis pritrakti aliajn aferojn.

*La Prezidanto: Miguel Ángel Sancho*

*La Sekretario: Manolo Parra*



# Donacoj

Plu jaro 2.000

11.02 Frateco E-a Societo . . 722

23.02 Santiago M. Planas . 1.520

20.03 Pío Moa Banga. . . . . 1.039

01.05 Miguel Fernández . . 4.490

01.05 Ana Montesinos* . . . 6.500

01.05 Marcos Cruz* . . . . . . 6.000

15.05 Estudios Cruz* . . . . 15.000

*(tajpilo aŭkciita)

Uzu por viaj donacoj

la bonan konton

**Caja Postal**

**14.011.966**



# Esperanto en Expolingua: denove sukceso!



La Prezidanto de HEF, s-ro Miguel Ángel Sancho, vizitas la standon.

De la 6a ĝis la 9a de aprilo Hispana Esperanto-Federacio denove partoprenis en "Expolingua", kaj denove esperanto montriĝis unu el la ĉefaj allogaĵoj de la foiro.

Ĉijare okazis speciala eldono dediĉita al Aŭstralio kaj al Pollando. La expo-organizantoj strebis al pli ampleksa diskonigado de la foiro, kaj per gazetara kabineto kaj per publikigo de interretaj paĝoj. HEF profitis el ambaŭ, sed ne forgesis sian propran agadon ĉirilate, mem informante al ĵurnalistoj pri sia partopreno.

La celoj al kiuj ni strebis, estis baze la samaj de pasinta jaro, kiuj konkretiĝas per jeno: ampleksigi la konon pri la lingvo, veki pozitivan sintenon rilate ĝin kaj montri decan bildon de la asocio, ĉar finfine ĝi estas montrofenestro de esperanto en la lingvo-instrua medio.

Ĉi aktivaĵon ni rigardas parto de *Kampanjo 2000*, kies celo tute kongruas kun la niaj.

Pasintjare ni povis jam konstati, kiel gravas la antaŭpublika agadmaniero kaj la prezentado de allogaj inform-materialo. Tiun fakton konfirmis nia ĉijara sperto. Indas, do, multe cerbumi pri ĉi temo, kunsidi kaj interkonsenti strategion, eĉ se tio estas tempoprena kaj, nur ŝajne, fortoraba, ĉar la rezulto fina estos multe pli pozitiva.

Unu el la celoj ne plenumita —ĉar tion ne permesis la buĝeto— de la ĉijara partopreno, estas la eldono de bunta, faldebla informilo —kiun ni nomas "littuko", pro ĝia amplekso—, kiu kompletigu la informon aperintan en la pasintaja triptiko, kiu ankaŭ tre sukcese ni uzis ĉijare.

Anstataŭ ĝin, ni prezentis la informojn pere de A5-formataj dokumentoj sur diversaj kolorpaperoj. Temas pri la kutimaj informoj kiujn ni donas al novaj interesitoj, sed pli bunte kaj alloge prezentataj. Tiuj pri gramatiko kaj pasporta servo estis aparte sukcesaj.

Ni eldonis du novajn surmurajn afiŝojn surbaze de la libro-kovriloj de "Esperanto:




Dum la tuta foiro nia stando, same kiel pasintjare, daŭre allogis ĉefe gejunulojn

fenómeno de la comunicación", de W. Auld, en sia hispanlingva versio.

La interretaj HEF-paĝoj kaj la video-bendo Mazi, denove kontribuis al la sukceso de nia stando. Ankaŭ ĉe ni eblis aŭkulti e-muzikon, por kio tre utilis la *Kolekto 2000* laste eldonita de Vinilkosmo.

Kaj denove, kiel pasintjare, ĉefstelulo estis la ludo-testo. Kiel vi certe memoras, temas pri kvazaŭ ekzameneto pri gramatiko kiun oni devas plenumi por partopreni lotadon kies premio estas perkoresponda kurso de esperanto. Ni lotis po unu perkorespondan kurson ĉiutage kaj unu el la gajninto estas dekdu jaraĝa knabo.

La ekspoziciado de materialoj estis tre atente prizorgita, tiel ke libroj, revuoj kaj similaj, montris ĉiajn aspektojn de la homa scio, sed ankaŭ allogan aspekton. Asterikso vekis ĉies atenton, inkluzive de ĵurnalistoj, kiuj sen escepte montris ĝin al la televidaj kameraoj.

Dum la unua tago, ni bonŝance havis la helpon de Amanda Higley, usona junulino, kiu dum preskaŭ unu jaron vojaĝas tra Eŭropo pere de Pasporta Servo. Sian sperton ŝi rakontis al ĵurnalisto, kaj ankaŭ al la ceteraj interesitoj kiuj proksimiĝis al la stando.

Junuloj, denove, restis agrable surprizitaj ĉe nia malkovro, kio kontentigas nin ĉar ĉe ili kuŝas la estonteco. Kompreneble, ne ĉiuj el ili eklernos e-on aŭ tuj aniĝos al nia asocio, sed ili jam scias ke ekzistas alternativoj, kaj tio kontribuas al plibonigo de la ĝenerala sinteno rilate la lingvon, kio fakte estis nia ĉefa celo.

*Ana Manero*

# Pli da TV

La 10an de junio en la TV-konkurso "50x15", ĉu vi volas esti milionulo?" de TV5 oni demandis la jenon: "Kiu lingvo, kreita de la pola L. Zamenhof en la jaro 1887, estas la plej sukcesa projekto de internacia lingvo?"

La demando, pli facila ol la normalaj demandoj aperantaj en ĉi tiu konkurso, ne utilis por alporti monon al la konkursanto, sed ĝuste por elekti la homon kiu konkursos. La proponitaj solvoj estis: "Esperanto, la Itala, a Germana, la Portugala". Nu, 7 el la 8 konsursantoj ĝuste respondis!

Jose Maria Rodriguez



La urbestro s-ro Ángel Requena Fraile (unua live) en la inauguro.



TV5 pasigis tutan mantenon kun ni por informi poste en "pinta horo".

# Rememore pri la lasta HEF-Kongreso

Mi dubis. Se konfesi la veron mi, misaŭgure, dubis pri la sukceso de nia lasta HEF-kongreso. Ne pro ajna malfido pri la kompetento de la organiza skipo. Tiun kaj ties kunlaborantojn jam de longe mi scias kapablaj, entuziasmaj, seriozaj, nuntempecaj… Do ne tion mi timis, sed, precipe, la neordinarecon de la kongres-dato kaj, ĉefe, la tamenon pri la disto inter Madrido kaj la kongres-loko. Nu, ĉi lastan rifon sufiĉe kontentige flankenmetis la starigo de plej oportuna kongres-buso, kiu ĉiutage transportis la plimulton el la kongresanaro de Madrido ĝis San Sebastián de los Reyes kaj inverse. La unua minuso, tamen —la nekutime nesomera dato—, rivelis sin ebla ĉefkaŭzo de la diskreta nombro da partoprenantoj. Domaĝe! Ĉar, fakte, malgraŭ ĉiaj malgraŭoj, nia ĉiujara festo pri la e-kulturo ĉi-kaze brilis propralume per alta nivelo lingva, per grandaj kvalito, allogo kaj diverso enhavaj, per intelekte alt-staturaj prelegantoj… Kaj, ne malpli grave, per la ĉiuflanka taŭgeco de la Kongresejo kaj la akurateco atingita en la disvolvo de la programo, kiu flue deruliĝis kun apenaŭaj ŝanĝoj. Pro ĉio ĉi mi bedaŭras, ke ne malmultaj el la bonaj gustumantoj de nia kulturo fordormis ĉi mirindan okazon. Kaj mi ĝojas, ke mi tute eraris per mia pesimisma antaŭvido.

Min, unue, surprizis la fakto, ke, miasperte, por la unua fojo la junaj homoj, nombre, tree superis la maljunajn. Ĉu minusvalorigo de ĉi lastaj? Tute ne! Nur esper-dona konstato: nia futuro ekzistas —aŭ povas ekzisti—, ni eblas —aŭ povas ebli—. Kia plezuro aŭdi belan esperanton el nove bakitaj dudekjaruloj! Kaj kiel imponan respekton naskas ĉe mi vidi niajn veteranojn —kiuj tiom kaj tiel brave batalis kaj riskis kaj persistis dum, feliĉe, jam eksa nigra epoko el nia historio— en interparolo aŭ simpla apudesto kun tia nepeska kolegaro!

Min surprizis poste la interveno de la urbestro, s-ro Ángel Requena, ĉar li, malkiel kutime, sciis, pri kio li parolis. Ĉar



Urbestro por admiri kaj... promocii!

evidentiĝis, ke li parolas el la koro kaj el la klero, ne el la posteno kaj el la formuloj! Ĉar ĉi-momente, kiam plej belaj kulturaj valoroj surplanke diskuŝas pied-premataj de plej naŭza vulgaro, karesas la spiriton aŭskulti el tiaspeca homo, ke li admire nin rigardas kultantoj de frateco, homeco, humanismo kaj progreso, ke nura mencio pri la vorto esperanto "revigas nin pri la plej bonaj kaj noblaj streboj de nia specio" kaj ke "tial San Sebastián de los Reyes varme akceptas la Landan Kongreson de la homoj, kiuj tenas viva tiel valoran trezoron". Nu, tiajn sincerajn injektojn de memŝato far malstultuloj ni e-istoj, konstante kondamnataj al la frida kaj nebula espero, nepre bezonas, almenaŭ de tempo al tempo, por ne ŝrumpi.

La tria surprizo konstituis veran novaĵon kadre de niaj aranĝoj. Unuafoje la plimulton el niaj programeroj eblis ricevi en du lingvoj, nome rekte, jen en la hispana, jen en esperanto, kaj/aŭ aŭskultile, en la respektiva samtempa tradukado. Bonvena ideo. Ja tiel la kongreso povis malfermiĝi al la neesperantista mondo, havi ielan, ĉiam interesan, projekcion sur Eksteresperantujon. Danke al tio ni —ne marsanoj, sed nuntempaj Ter-loĝantoj forte ligitaj al la homa problemaro; ne ĉielaj estaĵoj, sed simplaj surgrunduloj, kiuj mortas kaj renaskiĝas ĉiutage kune kun niaj samspecanoj— povis malizole riĉiĝi el parolado far —kaj el debatoj kun— fakuloj pri temoj sociaj kaj kulturaj. Tiele Eva Suárez-Llanos, membro de la Federacia Komitato de la hispana branĉo de Amnestio Internacia, memcerte kaj konvinke



Eva Suárez prezentis Amnestion Internacian

enkondukis nin en la agadon de la plej aktiva organizo pledanta por la homaj rajtoj en la mondo. Kaj Amelia Fernández, doktorino pri Filologio, profesorino ĉe la Madrida Aŭtonoma Universitato kaj direktorino de la radio-programo "Hablando en plata" (Paroli klare), levis nin en la sepan ĉielon lekciante



Amelia Fernández, doktorino pri Filologio kaj direktorino de radio-programo

—dokte, brile, kvazaŭmuzike, velur-voĉe— pri *Historiaj defend-kriterioj de la lingvo*. Vera manao por la spirito. Eva kaj Amelia, jen mi kaptas ĉi ŝancon por ankoraŭe demeti antaŭ vi mian imagan ĉapelon, donaci al vi imagajn rozojn kaj danki vin pro ĉio bela, kiun vi al ni transdonis.

Plia avantaĝo de ĉi sistemo:



Samtempa tradukado plivalorigis la kongreson.

boesperantistoj, ĉiamaj akompanantoj kun apenaŭaj e-scioj kaj komencantoj finfine povis kompreni kion ni pritraktas en niaj kongresoj. Kaj tion saman povis sperti kaj taksi simplaj scivolemuloj eksteraj al nia afero, kiuj, jen kiel vizitantoj, jen kiel surlokaj aliĝintoj —nome eksteruloj, kiuj



Esperantistoj kaj ne esperantaj parolantoj povis ĝui la kongresajn aranĝojn



TV5 intervjuas nian Prezidanton

volonte pagis la kongres-kotizon!!!—, akompanis nin. Kelkaj el tiuj eĉ aktive partoprenis plurajn el niaj programeroj tiel, ke ili pravigis nian aprecatan moton "konu nin, ŝatu nin". Bela travivaĵo! Pri ĝi, parte, dankindas Tele-5. Teknikista skipo el tiu konata, kvankam sensaciema, televid-ĉeno, restinte kongreseje unu tutan matenon en filmado de homoj kaj prezentoj, pretigis kvar-minutan raportaĵon, kiu i.a. efikis varbe. La gazetaro, tamen, ne ĉiam dece agadis. La ĵurnalo *El Mundo* (La Mondo) —mirakle!— prie artikolis sen rimarkeblaj tendencaj, malicaj aŭ neĝustaj asertoj. Male, alia multe malpli grava ĵurnalo kretenis sur la kutima linio, plena de nescio kaj antaŭjuĝoj, propra al konsiderinda nombro —ve!— da nuntempaj hontige malkleraj plumknaristoj, kun kapablo por kompreni nur banalajn kliŝojn, stultajn futbalaĵojn, vantajn klaĉojn pri furzuloj kaj groteskajn kokrojn far imbecilaj nuloj. Tielas nia socio de la tutmondiĝo.

Sed, se reveni al la sukceso de la dulingva iniciato, kompreneblas, ke nenio tia povas havi lokon sen la flegado fare de interpretista skipo. Niakongrese tiun skipon konsistigis unuopulo. Sed kia unuopulo!: Jorge Camacho, laŭprofesie interpretisto en la



Blanka tabulo en la koridoro, kontraŭ la libroserva tablo, “klare kaj akurate” informis la kongresanaron pri ĉiu programero, pri ties horaro kaj pri la salono kie ĝi okazos. Mi ne memoras tiel efikan laboron tiurilate en antaŭaj kongresoj. Apartan dankon do meritas pro tio la prizorgantino, Monica Cruz, kiun ni vidas sur la foto. Kaj ŝi ne estis la sola membro de la familio Cruz, kiu helpis. Fakte, eĉ la patro de Marcos alportis sian brikon. Liaj estas la plej multo el la kongresaj fotoj, kiujn vi ĝuas.

Eŭropa Unio, krom, kiel sciate, esperanta akademiano kaj verkisto, kaj homo kun elstara talento por ajno de li entreprenata. Camacho gapigis nin per sia profesia virtuozismo kaj per sia labor-kapablo: dankinde sinofereme li okupiĝis pri interpretado en preskaŭ ĉiuj dulingvaj programeroj, escepte —kompreneble— de tiu, kiun li mem prezentis —verve, sprite, atento-kapte— kiel preleganto pri, ĝuste, la ĉi-alinee tuŝata temo: *Esperanto kaj samtempa tradukado.* Ĉi-kaze la interpretistan rolon transprenis nek pli nek malpli ol Antonio Valén, alia el niaj junaj eminentuloj —poeto, literatur-kritikisto, animo kaj koro de la reviziado super la monumenta hispana-esperanta vortaro far Fernando de Diego...—. Kaj, kvankam laŭprofesie Valén filologas pri la hispana kaj instruas la francan, li plenumis tian taskon kun mir-done isteca nivelo. Plie, li gvidis bazan e-kurson kun, laŭdire, kontentiga rezulto.

Elstara, verva, eminenta... Jes, konscie mi tiaj epitetis miajn amikojn Jorge kaj Antonio, ĉar temas ne pri tralupeaj ditiramboj sed pri veroj konstateblaj apenaŭ oni kontaktas iliajn intelektajn universojn. Evidentoj, kiujn ni, kutimiĝinte al ili, ne plu formulas sed devas aperte disfoje formuladi. Pro sento pri justo kaj pro prava fiero niaflanka. Tutsame pri Miguel Gutiérrez Adúriz, alia eminenta partopreninto. Ĉi-okaze la protee diversiĝanta Miguel —verkisto, instruisto, aŭtoro de la kurso *Esperanto: Curso del idioma internacional*, kreinto de la grupo Nifo pri sciencfikcia kaj fantasta e-literaturo, redaktoro de *Boletín* ktp. ktp. ktp. (ĉu en la e-agado ekzistas areo ankoraŭ ne elfosita de li?)— muntis kvizon. Amuzan konkurson kun rivalaj teamoj, demandoj, respondoj... Sed plej amuzis nin lia transfiguriĝo, lia anima travestiiĝo en televideskan kviz-gvidanton kun krispa intonacio, ŝablonaj diroj kaj eĉ mensaj stumbloj.

Ja kongrese kalkuli je la aktivado de tia trio da hispanaj e-istoj, ofte invitataj prelegi, staĝi, aktori... en internaciaj e-eventoj, konstituas veran luksaĵon.

Similan vojon ekiris novaj valoroj en la hispana Esperantujo, junaj fortoj jam flagrantaj per lumaj profiloj en la panoramo de la e-kulturo. Nomoj kiel David Galadí, Manuel Pancorbo, David Trigo, Iván Manso... aldone al tiuj de niaj jam “veteranaj gejunuloj” Ana Manero, Manolo





Parra, Marcos´Cruz —bravas liaj junaj gefratoj—, Miguel Ángel Sancho... igas ekflugi la enbrustajn papiliojn de la espero. Nur la prezenton far Galadí eblis al mi ĉeesti: *Kial ne ekzistas verdaj steloj?* Ĉu Almodóvar-eska filipikado kontraŭ esperantaj simboloj? Tute ne. La Galadí-aj steloj realas scintile surĉiele. Li fakas pri lunoj kaj sunoj kaj lumjar-distaj universoj. Ĉu ne mirinde? David Galadí-Enríquez, doktoro pri astronomio, aŭtoro de la hispanlingva traktato *A ras del cielo* kaj de la esperanta *Elementa kurso pri astronomio*, scipovas venigi la firmamenton sur la nivelon de laikoj kaj tikli la intereson de la aŭskultantaro. Fine, tempo mankis por akcepti ĉiujn intervenojn far debatemuloj engaĝiĝintaj al la temo. Ni kaptu alian ŝancon!

La germana e-istino Sabine Trenner, krom seminarii pri *Vojoj el la konfliktoj* —

# TV-eĥo de la 59a HEK

Ĵaŭde, la 11an de majo oni intervjuis s-rojn Fernando Moral kaj Manuel Pancorbo ĉe la TV-programo "En el salón de su casa" de "Canal Norte", loka



tv-kanalo de la kongresurbo, kiu ankaŭ elsendis film-raporton pri la kongresa inaŭguro. La programo estas magazino iom simila al "Informe Semanal" de TVE, sed nur priloka kaj loke atingebla. Ĝi spekteblas ĉiuĵaŭde de la 20:30 ĝis la 21:30, kun dumelsendaj intervjuoj kaj antaŭregistritaj raportetoj. La intervjuoj kun niaj samideanoj okupis preskaŭ 20 minutojn el la programtempo, kiuj pasis en hejmsaloneca etoso. La temo estis, kompreneble, la kongreso, la gramatikaj trajtoj de la lingvo, ties literaturo, ties nuno kaj futuro, ktp.

Frap-rrespondoj kun buŝaj ridetoj kaj kromaj ŝercetoj de la intervjuintoj intencis konturi altiran bildon de la esperantista vivo. Jen plia neatendita eĥo de la 59 HEK en la amaskomunikiloj.

*Manuel Pancorbo*



La libroservo, strategie instalita en la koridoro kondukanta al la ĉef-salono, estis daŭre vizitata de la gekongresanoj. Vendiĝis ne nur libroj, sed ankaŭ diskoj kaj eĉ allogaj ĉapoj kun la vorto "Saluton!".





Jorge Camacho ĉie

*traktado de aliaj opinioj*, kaj gvidi duonimprovizitan humuran spektaklon-surprizon, kie, finfine, preskaŭ la tuta publiko vidis sin petita aktorumi sursceneje— enmetis nin —kun la forto, kiun donas ludi aktivan helpan rolon— koren de la sekvoj de tia kancero, la Bosnia milito.

Lunde, antaŭ la oficiala fermo, okazis kritika rondo pri la kongreso. Jen nobla iniciato, kiu honoras la iniciatintojn kaj donas al la partoprenantoj la ŝancon demokrate opinii prie. Miaflanke, ĉefe, nur unu obĵeto: la surloka manko de signaloj pri la kongresejo, kio al la homoj veturintaj proprarimede prezentis problemon la unuan tagon.

Plurajn aliajn programerojn mi devis rezigni, jen pro la bezono iom promeni, vinumi, koridorumi… jen pro koincido kun miaj propraj prezentoj: *Tri nuntempaj E-poetoj: Nervi, Neves, Zifu*. Mi kaptas ĉi ŝancon por danki la ĉeestintojn pro ilia vibro-krea atento al la impona poezio de nia trio da bardoj kaj pro ilia instrua elmeto de vidpunktoj kaj komentoj.

Nokte, diboĉo. Ho, la envultaj noktoj de Madrido! Kiom da simpatiaj momentoj! Kiom da bona etoso!

La lastan programeron, viziton al la muzeo El Prado, mi havis la plezuron gvidi. Ni grupe provis poezian aliron al la pikturaj universoj de Velázquez kaj Goya. Ankaŭ ĉi-kaze la alportoj de pluraj el la partoprenintoj min riĉigis. Dankon, sanon kaj pikturon!

Fine, bierojn kaj adiaŭojn. La madrida suno splendis inter Velázquez-eskaj nuboj. La plimulto iris sandviĉumi al la parko Retiro. Mirinda ideo! Mi revenis hejmen iom laca sed plena de belo kaj de homoj. Feliĉe, mi eraris antaŭvide. La madrida kongreso ja sukcesis.

*Miguel Fernández*

# Interesa seminario

La kongresan seminarion "Vojoj el la konfliktoj. Traktado de aliaj opinioj kaj perspektivoj" lerte gvidis Sabine Trenner, germana socia pedagogino kaj specialisto pri manaĝerado de konfliktoj kaj interkultura edukado. La seminario konsistis el diversaj praktikaj sesioj. En ĉi tiu kampo utilas aktiva ekzerco multe pli ol teoria prelego.

Ni mem, dum la seminario, suferis rezultojn de nekomunikado, miskomprenoj, antaŭjuĝoj dum aŭskultado. Ni ĉiuj konsciiĝis pri tio ke multaj konfliktoj kiuj koncernas nin fontas el ĉi tiaj nevideblaj kaj nekonsciaj komunikecaj trajtoj. Ni proponis kelkajn proprajn konfliktojn, kiel ekzemplojn por serĉo de eblaj eliraj vojoj.

Fakte mankis tempo por pliprofundigo. Tamen utilajn novajn perspektivojn por interkomunikado kaj por alfronti konfliktojn ni malfacile forgesos. Bedaŭrinde, LKKanoj kaj estraranoj de HEF, tiom ofte kontraŭvole ĉirkaŭataj de konfliktoj, ne povis partopreni la seminarion. Ili dum tiuj tagoj sindone dediĉis tempon kaj penon por oferti altkvalitan kongreson; ja tia ĝi estis, kaj ĝi ekzemplas por venontaj fojoj.

Pri kaj al Sabine, nenion plu diri krom ege danki pro ŝia peno verŝi sian profesian sperton en la esperanto-komunumon, kie mankas veraj fakaj profesiuloj. Ni ne maltrafu venontajn okazojn. Ni apogu homojn tiel valorajn.

*Mónica Cruz*



Sabine Trenner metie kaj sprite kontribuis al la bona disvolviĝo de "surpriza" kongreso.



# Subvencio de Fondaĵo Soler por HEF

Fundación Soler aljuĝis al Hispana Esperanto Federacio subvencion de 100.000 pesetojn por la ĉijara partopreno en Expolingua.

La Esperanto-Fondaĵo Soler, kiu havas sian sidejon en Valencio (Duque de Calabria 4, 2; ES-46005. Tel 96 374 23 94), estis fondita en 1988 per kapitalo de 1,5 milionoj kaj nuntempe disponas kapitalon de 80 milionoj. Ĝia Prezidanto estas s-ro Juan Fontecha, kaj la Sekretario s-ro Alberto Bermell.

Donacojn al Fundación Soler oni povas fari pere de ĝia bankkonto: CAM, Blasco Ibáñez 0040053907.

M. Parra

# Postkongrese

Malgraŭ la skeptikeco de la organizantoj, la kongreso estis surprize sukcesa. Ĝi altiris la atenton de amaskomunikiloj. Informis regionaj, lokaj kaj naciaj ĵurnaloj, raportis regiona kaj loka televidoj, privata nacia radiostacio kaj regiona programo de la publika nacia radiostaco. Cetere, ni ĝuis 3 minutan raporton en la nacia informprogramo de TV5, en pinta elsendo horo! TV5 filmis ĉion: prelegojn, atelierojn, intervjuojn, konversaciojn...

La urbestro parolis belege pri esperanto (kaj bonintence EN esperanto) en la inaŭguro kaj li postrestis por la unua prelego kaj eĉ entuziasme ĉeestis enkondukan kurson!

Ni ja deziris apertan kongreson, kiu montru al ekstera publiko kia estas esperanto. Nu, iel ni sukcesis pro la interpretado kaj pro aliaj kialoj. Venis homoj kiuj scivolis antaŭ la libroservo kaj en la salonoj. Ah! Ĉio ĉi... sen verda flago sur la fono de la salono. Ni lasis la simbolojn for de la kongreso kaj tion mi opinias trafa, vidante la rezultojn, ĉar tiel ni ne timigis la eksterulojn; ni montris nin kiel tute normalajn homojn kiuj dediĉas sin al internaciaj amikrilatoj per lingvo ankaŭ tute normala: facila, neŭtrala, nenies denaska, sed tamen normala. Kompreneble tio kaŭzis kritikojn de kelkaj konservemaj samideanoj.

Lasta programero, "kritika rondo", evidentigis ke ankaŭ estis multaj mispaŝoj kaj nesukcesaj faktoroj. Nu, rekomendida ero kiun mi multe dezirus vidi en ĉiu esperanta aranĝo.

*Manuel Pancorbo*



Sendube allogaj programeroj estis la diversaj atelieroj jen pri verkado, gvidata de J. Camacho, jen pri diversaj amuzaj manlaboraĵoj, kiel montras la foto, sub la gvido de HEJS-membro, David Trigo.

Ankaŭ plaĉis al la gekongresanoj la kvizo, gvidata de la redaktanto de *Boletín*, en kiu partoprenis kvar teamoj el junaj, kaj ne tiom junaj, samideanoj.

Fine venkis la teamo konsistanta el José F. Martín del Pozo kaj Antonio Valén, kiuj ricevis tre "sukan" premion.

Cetere, ĉiu partoprenanto ricevis kiel premion la distingan ĉapon kiun ili portis dum la konkurso. Gratulon!

Klasika programero en niaj kongresoj estas la transdono de la "Premio Klara Silbernik" (vidu foton sur la dors-kovrilo).

Ĉi foje la medalon ricevis s-ino Francisca Jimenez Valenzuela, kiu montris sian emocion ne nur ĉe la ricevo de la premio, post tre interesa kaj bone konturita prezento, sed ankaŭ ĉe la legado de omaĝa poemo de Lucrecia San Antonio fare de Miguel Fernández.

Oni devas aparte danki samideanon Luis Hernández Yzal kaj lian edzinon pro ilia subteno kaj ĉeesto.

*M. Zocato*




# Nova Patronaro



Jose Antonio Noguero nova Patrono

La Estraro de HEF nomumis dum la pasinta Hispana Kongreso de Esperanto la novan Patronaron de Fondaĵo Esperanto, tiel ke la nuna konsisto de la patronaro estas:

Patrono-Prezidanto*:
Miguel Ángel Sancho Pardo (Madrido).
Patrono-Sekretario:
Enrique Piquero Vazquez (Zaragozo).
Patrono-Administranto:
Victor Ortiz Gratal (Zaragozo).

Patronoj: Rafaela Urueña Alvarez (Valadolido), Antonio Marco Botella, (Zaragozo), Jose Antonio Noguero (Zaragozo).

Patrono-Direktoro: José María Rodríguez Hernández (Kordovo).

* Laŭ la statuto de la Fondaĵo, la Prezidanto de HEF estas samtempe la Patrono-Prezidanto de la Fondaĵo Esperanto.

## Agadplano por la jaro 2000

La agadoj de Fondaĵo Esperanto dum la kuranta jaro 2000 disvolviĝos laŭ du konkretaj agad-kampoj:

* unuflanke, ni helpos la laborojn de asocioj kaj/aŭ unuopuloj kiuj celos disvastigi la internacian lingvon Esperanto. Al ĉi tiu agad-kampo apartenas jenaj projektoj:

a) Kunvoko de konkurso por premii la plej bonajn ideojn por disvastigi la internacian lingvon, kaj naci-nivele kaj lok-nivele. Pere de ĉi tiu projekto la Fondaĵo volas asigni mon-premion al du realigotaj ideoj kiuj celos helpi al Hispana E-Federacio kaj al la lokaj kaj regionaj E-organizoj prezenti Esperanton ĉe la nuntempa socio kaj helpi la disvastigon de nia lingvo. La proponantoj de ĉi tiaj ideoj devos ellabori eseon kiu estos prezentata al la Patronaro de la Fondaĵo. Regularon de ĉi tiu premio ni diskonigos sur la venonta numero de *Boletín*

b) Dum la jaro 2000 Fondaĵo Esperanto eldonos, kuneldonos aŭ premios la eldonadon de libro verkita ĉu en la internacia lingvo ĉu en la hispana pri Esperanto.

c) Same, Fondaĵo Esperanto kunlaboros mon-rimede kun tiuj asocioj kiuj organizos ekspozicion pri Esperanto aŭ ĉeestos ne-esperantistan ekspozicion por prezenti nian lingvon.

* Aliflanke, Fondaĵo Esperanto deziras agnoski la grandegan kaj sukcesoplenan laboron de tiuj asocioj kiuj lastatempe organizas E-kursojn en la Universitato. Estas necese agnoski ke unu el la plej gravaj sukcesoj de la E-movado en Hispanio dum la lastaj jaroj estas la organizado de ĉi tiuj kursoj. Fondaĵo Esperanto deziras helpi, laŭ

niaj rimedoj, subteni la nun ekzistantajn kursojn kaj eĉ seeble helpi la organizadon de aliaj. Laŭ ĉi tiu programo Esperanto en la Universitato, Fondaĵo Esperanto pruvos plenumi la jenajn agadojn:

a) Subvencii tiujn asociojn kiuj organizas E-kursojn en la hispanaj universitatoj.

b) Ellabori memorandon, kiun ni havigos al ĉiuj hispanaj grupoj kaj interesitoj, kiu sciigos pri tio kiamaniere organizi tiajn kursojn. Ni provos sciigi al ĉiuj hispanaj grupoj pri la necesaj paŝoj por atingi la aprobon de la universitatoj rilate la organizadon de E-kursoj. Kompreneble, ĉi tiu memorando baziĝos sur la realaj spertoj de la grupoj kiuj jam sukcesis organizi tiajn kursojn (Valencio, La Laguno, Sabadell, Bilbao).

c) Se eble, Fondaĵo Esperanto subvencios dum la kurso 2000/01 la ĉeeston de hispana esperantisto, aŭ de hispana universitata studento de Esperanto, en la Esperantaj kaj Interlingvistikaj Studoj de la Universitato de Poznan en Pollando. La subvencio ebligos pagi la stud-kostojn kaj iomete helpi la vojaĝon kaj restadon de la studento en Pollando dum du semajnoj jare. Malgraŭ ĉi tiu mon-helpo estos necese antaŭdiri ke la plej granda parto de la kostoj pri restado kaj vojaĝo devos esti pagata de la studento mem aŭ de aliaj instancoj.

Nu, jen la projektoj kiuj Fondaĵo Esperanto deziras realigi dum la kuranta jaro 2000. Sur venontaj numeroj de *Boletín* ni pliigos la informojn pri ili ĉiuj. Kompreneble, se Vi deziras pliajn detalojn ne hezitu kontakti Fondaĵon Esperanto per unu el la jenaj adresoj: Fondaĵo Esperanto; C/ Cadena 20-22, 1 izqda; ES-50001 Zaragoza. Aŭ: Apartado de Correos 3142; ES-14080 Córdoba. Aŭ rete: fundacion@esperanto.nu

Kompreneble Fondaĵo Esperanto memorigas vin ke, se Vi deziras kontribui al la agadoj de la Fondaĵo, Vi povas sendi Vian mon-donacon al jenaj kontoj: Ibercaja 2085/0101-13-01-286247-62; La Caixa 2100-2149-31-0100165085

José María Rodríguez Hernández
*Direktoro de Fondaĵo Esperanto*



# Forpasis

Forpasis D. Fernando de la Puente Solana. Kuracisto, li lernis Esperanton kiam li aĝis nur 11 jarojn. Li gvidis multajn e-kursojn kaj ofte prelegis. Vicprezidanto de Frateco de Zaragoza, membro de la OKK de la 15a HEK en 1954a, li tre viglis en la dirita rondo. En 1954a li fondis la bultenon "Katolika Esperantisto". D-ro de la Puente estas Honora Prezidanto de KEHA kaj ĝia plej firma bastiono. Li aŭtoris la verkon "Vivo de Zamenhof, apostol de la Paz".

Ne necesas diri kiom multe ni bedaŭras tiel valoran perdon. Lia familio bonvolu akcepti la esprimon de nia plej sincera kondolenco.

*J.B.*



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

* Esperanta Jura Asocio kunlabore kun AEU prezentas la 4an numeron de la revuo Jura Tribuno Internacia, ĉi-numere en 2 volumoj. Por ĝi verkis la Prezidanto de EJA kaj de UEA Kep Enderby. Rafaela Urueña eseis pri la Homarana Internacia Juro; la litova advokatino Diemante Aniĉiene redaktis artikolon pri la Stato de la Advokataro post la Restarigo de Sendependenco en Litovio en la jaro 1990; la ĉeĥa Petr Chrdle verkis pri la Aŭtoraj Rajtoj Internacie; kaj la profesoro Saveliev V. Roman de la Jura Akademio de Volgogrado en Rusio skribis pri la produktado de leĝoj. Aperas en la revuo ankaŭ recenzo de la libro de la D-rino Urueña "ABC de la Eŭropa Unio. Enkonduko en la Eŭropan Juron", recenzita de Jimmy Stryhn Meyer, juristo-tradukisto ĉe la Kortumo de la Eŭropaj Komunumoj. Fine, la revuo ankaŭ enhavas la tradukon de la Universala Deklaracio pri la Homa Genomo kaj la Rajtoj de la Homo, teksto ellaborata de Unesko inter 1994 kaj 1995.

* Kordova Esperanto-Asocio, kordova sekcio de AEU, kontaktis la D-rinon María Luisa Calero Vaquera, profesorino en la Filozofia kaj Filologia Fakultato de la Universitato de Kordovo, kiu ĵus verkis libron sub la titolo "Proyectos de Lengua Universal. La Contribución Española" (Projektoj de Universala Lingvo. La Hispana Kontribuo). Kvankam la kerno de la libro ne estas Esperanto, sed ja la projektoj pri internaciaj lingvoj ellaboritaj de hispanoj, la profesorino marĝene ankaŭ paroletas pri nia lingvo. Kordova E-Asocio, danke al la Grupo Esperantista de Bilbao, liveris al la profesorino Calero materialon pri lingvoj nur menciataj en ŝia libro, ekz. Orba de José Guardiola, 1893. La Profesorino Calero asertis, eĉ sur la paĝoj de sia libro, ke danke al la E-Movado ŝi povis atingi librojn pri internaciaj lingvoj kiuj troviĝas eĉ nek en la Nacia Biblioteko de Madrido. Ŝi trovis abundan materialon en la Hispana E-Muzeo de Sant Pau d'Ordal. La profesorino dankis la ricevon de materialo kun la promeso uzi ĝin okaze de novaj eldonoj de la libro.

La programo *Noticias* (Novaĵoj) de Canal Sur-2 Andalucía prezentis, la 10an de aprilo, intervjuon al nia samideano David Galadí-Enríquez.

La informo temis pri eseo verkita de David pri la luma malpurigado en la marbordo de la urbo Kadizo. David, kordova samideano tre bone konata de la homoj kiuj ĉeestis la du lastajn hispanajn e-kongresojn, lernis E-on en la Gimnazio Séneca kaj studis astronomion en la Universitato de Barcelono kie poste li profesoris. Li kunlaboras ofte kun E-publikaĵoj pere de sciencaj artikoloj kaj verkis lernolibron pri astronomio kiu, espereble, baldaŭ aperos.

Kontinuas sur la 18a pago >>>



# Madrido

La pasintan 5an de aprilo, okazis debato pri Esperanto en la Aŭtonoma Madrida Universitato. Organizis ĝin la Asocio por Esperanto-Diskonigo de la Universitato, kaj prelegis Jorge Camacho (akademiano), Amanda Higley (usonanino, vojaĝanta en Eŭropo dum preskaŭ unu jaro danke al Pasporta Servo), kaj Marco Trevisan (prezidanto de la asocio).

Partoprenis universitatanoj el diversaj fakultatoj. Entute dek unu homoj. Jorge parolis pri esperanto (kio ĝi estas, kial ĝi utilas, iomete pri historio, ktp), kaj Amanda parolis pri siaj spertoj dum la vojaĝego, kaj pri la etoso en esperantaj renkontiĝoj (IJK en Vespremo, Hungario; IS en Wetzlar, ktp). Ankaŭ oni disdonis la provlecionon uzatan en ExpoLingua, por ke la homoj komprenu iomete, kiel esperanto funkcias.

La debatintoj demandis kun intereso pri esperanto. Unu el ili, surprizis nin dirante, ke *li* ĵus komencis studi esperanton per bibliotekaj libroj, kaj li ĝojis ekscii pri la ekzisto de nia universitata asocio.

Post la fino de la debato, kelkaj el ni iris manĝi al la centro de Madrido, kaj daŭrigis la esperantan renkontiĝon.

Marco Trevisan



Televido "Aquí", elsendanta per la 54a kanalo por L' hospitalet kaj Baix Lloblegart (Barcelono), proponas al siaj spektantoj e-kurson. La supra foto bildigas momenton de la kvina programo, elsendita la 26an de aprilo 2000. Sur ĝi aperas la profesoro, s-ro Martí Guerrero kune kun lernantino antaŭ simpatia desegno.




# Ankaŭ la vaska Universitato

La venontan lernejan kurson (2000-2001), Esperanto eniros la Vaskan Universitaton ("Universidad del País Vasco/Euskal Herriko Unibertsitatea") kiel elektebla stud-objekto. Ĝin proponos la Instruista Altlernejo (Escuela del Magisterio), kiu situas en la bilbaoa kvartalo Deusto. La valoro de la kurso estos 4,5 "kreditoj", t.e., 45 horoj. Ni ne bezonas substreki kiom multe gravas ĉi paŝo, kiu sekvas tiujn faritajn de aliaj hispanaj universitatoj.





Kiel bela bildo, ĉu ne?
*Junaj, belaj kaj esperantemaj!*

Kiel aliaj esperantaj grupoj en la tuta Hispanio, *BEC*, Barcelona Esperanto-Centro, daŭre laboras *proponante bazajn E-kursojn al* interesitoj. Ĉi foje la nova kurso okazanta, kiel kutime, en la sidejo de la asocio (Carreras Candi 34-36), estas aparte dediĉita al junaj lernantoj. La instruisto estas s-ro Manuel López (vidu la supran foton).



# UAB plu!

Denove venas bonaj "universitataj" novaĵoj el Katalunio, ĉar la KAE-Prezidanto, kaj Vicprezidanto de HEF, s-ro José M. Galofré, informas ke KAE organizis la duan E-kurson ĉe la UAB (Aŭtonoma Universitato de Barcelono) en Bellaterra por la jaro 2000. Ĝi daŭros tri monatojn kaj konsistos el tridek instruhoroj. La Universitato donos tri kreditojn al ĉiu lernanto partoprenanta en la kurso.

# Kursofino en La Laguna

Post festparolado de Profesoro Leandro Trujillo, kiu prelegis pri "Juan Régulo kaj Esperanto", la dudeko da gelernantoj partoprenintaj en la universitata E-kurso, kies direktoro estas la Prof. Alejandro López de Vergara, ricevis la koncernajn atestilojn. S-ino Ana Rosa Piti, prezidantino de ESTO, gratulis kaj spronis ilin plu studade la Internacian Lingvon, post kio la tuto kunvenis en restoracio por vespermanĝi amiketose. Ĉiuj ricevis, kiel memoraĵon, ekzempleron de la broŝuro "Santa Cruz de La Palma kaj Esperanto", verkita de S-ro Trujillo, kompletan tekston (hispane) de la prelego, kiun li mem prezentis pasintjare kadre de la "2a Esperanta Kanaria Renkontiĝo" (Marto de 1999), kaj eldonita de ESTO. La oficiala fotisto de la kunveno estis nia samideano F.J. Dávila.

*Prof. Leandro Trujillo*

## Niaj Asocioj kaj Grupoj >>>

Pasint-jare aperis lia hispanlingva libro pri astronomio por ne-profesiuloj "*A ras de Cielo*", kiun oni povas aĉeti en ajna libro-vendejo de nia lando.

*J.M. Rodríguez*

* La TTT-ejo de AEU daŭre proponas la programaron "Trarigardo de E-Gazetaro", de Radio Polonia kun, interalie, elsendo dediĉita al Boletín. Aŭskultu E-radion interrete!



Aspekto de la halo kie okazis la Festo. En la fono videblas la stando de la Internacia Lingvo Esperanto.
(Fotis Sa-Mu-Ga)

# Asturio




* La finna revueto "Vekilo" informas kun bedaŭro pri la forpaso de "Niko" prezidanto de la Avilesa E-Grupo

La 2a Festo de la Lingvoj okazinta en Gijón, pri kiu ni jam informis en la antaŭa numero de Boletín, estis sendube grava evento en la agado de niaj asturaj samideanoj, ne nur pro la ebleco rekte kontakti centojn da homoj interesitaj pri lingvoj, sed ankaŭ pro la pozitiva sinteno de la organizanto al Astura E-Asocio, kiu, laŭ sia prezidanto, S-ro Santiago Mulas, celis per sia partopreno: montri la riĉecon de la diverseco kaj diferencoj homaj; klopodi disvolvi la civitanan kapablon de akceptemo kaj interkomunikado; kaj havigi al la lingvolernantoj eblecon praktiki ĝin kadre de dinamisma kaj stimula reala komunikado.




Resido en Gijón, junto al muelle local

Pere de bildoj el la konata lernolibro de José Arroyo, la asturaj e-istoj aranĝis A4-formatan lecionon por alloge prezenti la lingvon.

# Eŭskio

* La 3an de marto okazis la Ĝenerala Kunveno de la E-Grupo de Bilbao. Unu el la decidoj estis altigi la kotizon de la jaro 2001 al 2.800 ptoj. Kompense ekzistas kotizo por "nepagipovaj membroj".

* En la marta numero de "Galea", monata revuo eldonita en Getxo (80.000 loĝantoj),

aperis tutpaĝa artikolo pri E-o verkita de J.M. García Iturrioz.

El Nia Ponto.



Kelkaj kunlaborantoj ĉe la montrotablo, okaze de la fermo de la librofojro de Santa Cruz de Tenerife, kiun ESTO partoprenis.

# Kanariaj Insuloj

S-ino. Ana Rosa Pitti, prezidantino de ESTO (Esperantista Societo de Tenerifo), estis intervjiuita de la ĵurnalo "La Opinión" de Santa Cruz de Tenerife okaze de la "Libro Foiro" de tiu ĉi menciita urbo. ESTO starigis tablon por diskonigi inter la vizitantoj de la foiro, eble miloj, la valorojn de Esperanto kaj ties kulturo.

Prof. Leandro Trujillo

# Kastilio-Leono

* La grupo "Fido kaj Espero" de Valadolido daŭre aperigas sian cirkuleron. En la lasta (191a) estas artikolo de Pedro Garrote, HEF-estrarano, pri la polemika malapero de simboloj, la manko de ekskurso, la nekantado de la himno, kaj aliaj aferoj en la lasta kongreso okazinta en San Sebastian de los Reyes. Fine de sia artikolo, Pedro Garrote proponas debaton por eviti problemojn en la venonta kongreso okazonta en San Javier.

Nu, kiel konate, la paĝoj de Boletín estas plene malfermitaj al ajna pozitiva kaj klariga "debato", kiu devas komenci jam en la E-grupoj. Kion ni celas? Kio ni volas esti? Kian bildon ni volas prezenti al la ĝenerala publiko? Nu ni povas respondi. Tion do ni faru.



Giordano Moya montras kun kontento la korean version de sia verko, Esperanto en Prospektivo. Nu, nia kara samideano vere internaciiĝas.

# Katalunio

* Fine aperis la korea versio de la libro de Giordano Moya "Esperanto en prospektivo" eldonita de Korea E-Asocio (vidu la foton). Interesitoj povas ĝin mendi de BEC, Apartado 23484; 08080 Barcelona. La prezo estas 2.500 ptoj.

* En aprilo vizitis la BEC-sidejon Mara Timermane, fakdelegitino de UEA pri Turismo en Rigo (Latvio). Ŝi prelegis pri la E-movado en sia lando.

Ĝ.I. de BEC



Mara Timermane kun botelo en mano

* La 25an de junio, en la Hispana E-Muzeo okazos plia "Babilado". Ĉi foje ĝia titolo estas "Esperanta Kompoto", kaj oni parolos la vivo en la E-grupoj, pri la madrida kongreso, la kongresoj de UEA, ktp. Krome oni festos la 4an tagon de Hispana E-Muzeo. La partoprenantoj vizitos la ĉampankelon Massana kaj kune tagmanĝos en restoracio. Pliajn informojn peras Luis Serrano. Tel: 937275021.

En la antaŭa "Babilado" okazinta en Sabadell la 21an de majo, 27 ĉeestantoj debatis kun granda intereso la temon "Latina Ameriko". La kunsido finiĝis en apuda restoracio. Nu, la plej konvena loko por solvi ajnan diskuton, ĉu ne?

* Aperis la 45a numero de la revuo "Internaciisto" 16-paĝa A4-formata organo de KEK (Kolektivo Esperantista Komunista), redaktita de Luis Serrano kaj eldonita de HEA, Font Nova 32; 08202 Sabadell.

* Kataluna samideano Oscar Puig i Cánovas kunlaboras en nova interreta superserĉilo "Metamonster", por la fakoj kataluna kaj esperanta. Eblas viziti jam la e-fakon ĉe: www.metamonster.com/esperanto.

La 8a Internacia E-Semajno de la Kulturo kaj Turismo okazos de la 30a de



Hotelo Horitzó

septembro ĝis la 7a de oktobro 2000 en Blanes (Girona). La sidejo estos la tristela hotelo "Horitzó", situanta en la centro de la urbo ĉe la maro. Laŭ la aliĝkondiĉoj oni devas pagi 3.500 ptojn (antaŭ la 31a de julio) aŭ 4.000 poste. La kompleta pensiono enla hotelo kostas 4.500 ptojn en dulita ĉambro (homo/tago) aŭ 5.400 en unulita. Pliajn informojn petu de: HFEA; Apartado 15027; ES-08080 Barcelona. Tel: 937275021.

# Madrido

La 10an de Majo hispanlingve prelegis Manuel Parra, sekretario de HEF, en la madrida Kultura Centro Maestro Alonso. Dum preskaŭ unu horo li prezentis al tre atenta publiko priskribon de planlingvoj aperintaj antaŭ kaj post nia lingvo, historian trarigardon pri la kreado de Esperanto fare de D-ro. Zamenhof kaj ĝia postan disvastiĝon, analizon de la gramatika kaj

vortara strukturo de la lingvo, priskribon de la ekzistantaj esperantaj asocioj, kongresojn, rilatojn kun UN kaj Unesko, ktp.

Apud la preleganto sidis Antonio Tur, kiu en pasintaj jaroj gvidis kursojn de Esperanto en tiu sama kultura centro, apartenanta al la Aŭtonoma Komunumo de Madrido. Ambaŭ vigle partoprenis en posta debato kun la publiko. Estas rimarkinde ke ĉiuj ĉeestantoj kiuj intervenis en la kolokvo senescepte montriĝis plene favoraj al la ideo de la internacia lingvo.

*Darío Rodríguez*

# Valencio

* La 5an de majo Pola Radio disaŭdigis intervjuon de sia ĉefa redaktorino Barbara Pietrzak kun nia estrarano Augusto Casquero. Ili parolis ĉefe pri la kursoj en la Valencia Universitato kaj ankaŭ pri tio, ke aliaj hispanaj universitatoj (La Laguna, Barcelono, Euska Universitato kaj ĵuse Madrido) petis informojn al la valencia por la okazigo de e-kursoj.

*Darío Rodríguez*

*La Ensemblo "Cuadro de Jotas" de "Centro Aragonés" de Valencio dankis Fundación Esperanto, pere de s-ro Augusto Casquero, pro ties subvencio al la vojaĝo, kiun la grupo faros al Torun (Pollando) por partopreno en la "20a Internacia Festivalo de Popolaj Orkestroj" kun uzo de Esperanto kiel pontlingvo, de la 9a ĝis la 11a de junio.

* La 2a Mediteranea Kultura Esperanto-Semanjno okazos ĉijare en Valencio de la 10a ĝis la 15a de julio. La sidejo estos la Fakultato pri Filologio de la Universitato de Valencio. Prelegoj, kulturaj vizitoj, E-kurso, kolokvo, teatraĵo, ekskurso, la kutima valencia tipa plado "paelo" sempage, ktp. La nuntempaj aliĝkotizoj estas 4.000 ptojn or unuopuloj kaj 3.500 por membro de grupo el pli ol 15 homoj. La ĉeeston al la rekt-metoda kurso kostas 2.000 ptojn. Informas: Augusto Casquero; Av. Burjasot, 29, A-31; 45009 Valencio. Ret: a.casquero@retemail.es.




HEJS renaskiĝas.
La gejunuloj
volas brui kaj skandali.
Ĉu ni, la "oldularo",
eltenos la defion?

## HEJS

HEJS estas denove ĉi tie! Ni skribos, parolos, laŭtos, kaj ĝenos ĉion kaj ĉiujn, kaj ĉiuj estu pretaj por la estonto, ĉar ni ne foriros! Timu nin!

Sed... ankaŭ vi estas HEJS, kaj devas kunlabori! Ni alvokas ĉiujn HEJS-anojn. Ni ekzistas kaj kunvenas dufoje monate do, ni volas koni aliajn junajn geesperantistojn, partopreni en kongresoj kaj festivaloj... kaj por tio, ni profitas ĉi tiujn paĝojn, kaj foruzos ilin dum ni havas niajn proprajn ideojn!

*David Trigo*



# U.K. 2026

En eta verdfarbita ĉambro sidiĝas du sulkozaj maljunuloj. Ŝrumpe kaj dorskurbe ili antaŭen rigardas, dum nekonsciaj bavoj pendas ellipe. Antaŭ ili staras altaro sur kiu troviĝas lukse el verda ledo broŝurita zamenhofa Fundamento. Super tiu, sur la muro, pentrita okulisto afable rigardas siajn samideanojn. En angulo, gramofono aldonas hororan zumadon far de iu sola kantisto neaŭskultinda: En la mondon venis nova sento...

Unu el tiuj du veteranoj turnas sian kapon al la alia. Dum ŝajne profunda pripenso li rigardas la akrapintan stelon sur la brusto de sia kamarado, kaj feliĉe ridetas.

—Kara S-ano Lejzer, ĉu vi memoras tiujn senhontulojn, kiuj intencis detrui nian movadon, jam antaŭ longe?

—Ho, Ludoviko, kiel ne memori tiajn aĉulojn? Malgraŭ ke de tiam jam forpasis preskaŭ dek kvin jaroj...

—Kaj eĉ pli, kolego mia. Via cerbo jam fuŝas. Memoru, ke okazis en la jaro 2.000 tiu Hispana Kongreso, dum kiu tiuj friponegoj eĉ ne uzis niajn flagon, stelon, koloron kaj himnon.

—Ho, ja mi memoras tion! Ili eĉ kaptis sufiĉan kuraĝon por ne aranĝi meson kadre de tiu kongreso! Kia blasfemo! Kvazaŭ ni devus honti pri io!

—Ja. Kulpis tiu generacio da fimodernigantoj: Tiu Cruz kaj aliaj... Damnaj!

—Sed tio ne nur okazis en Hispanio...





La junularo venas tumultema kaj neserioza. Almanŭ la madridanoj kunvenas unufoje en la monato, sub la gvido de David Trigo, kiun oni jam aklamas "Prezidanto". Ili volas ĝui, amuziĝi kaj havi multajn amikojn en la tuta mondo. Onidire ili estas ja nia estonteco. Se vere, do, ni preĝu!

M. Zocato

—Prave. Ĝi estis vera plago, malsano de la tiutempa movado. Bonŝance, baldaŭ ni reakiris la regan povon. He, he, kaj kiamaniere! Vere fina venĝo!

Pro ridego, la kongreskarteto kiun portis Ludoviko sur sia brusto defalis. Penege li kaŭriĝis, ĝin reprenis, kaj fiere ĝin denove fiksis sur sian bruston. En tiu karteto oni legis: Universala Kongreso 2.026;Ludoviko Lastano. Kongresano 2a el 2 kongresanoj.

*Christian Tricio, el Salamanko*
















# KAFE

De la 5a ĝis la 9a de julio 2000 en Tuluzo (Francio) okazos KAFE, Kultura Arta Festivalo de Esperanto.

Oni povos ĝui danke al ĥorstaĝo; La Kompanoj (teatra kanzono); JoMo; Solotronik; atelieroj matene: Jogo, danco, kanto-staĝo, desegnado, ekskursoj; Jerzy Fornal (teatro el Pollando); Ĵak Le Puil (kanzonoj) Uĉjo Duchesne Rakontas... (pri la Pariza Komunumo-rakontoj far de Arno Lagrange kun akompano de JoMo kaj Kim); Kore (Varietea rokgrupo); Ĵomart & Nataŝa; Dolcxamar (Rep-Hiphopa uma muziko); JoMo & Libertarios (Anarki-rokenrolo); Kaj Tiel Plu (kataluna kaj okcitana popolmuziko); ora spektaklo far de la staĝo-partoprenantoj; Vigla Muziko (Afrika); Les Footeuses. Persone; F-ino Emily Barlaston (kabaredo); La Kriszalido (teatro); Jacques Yvart (kazonisto); Kajto.

Informoj, aliĝiloj, loĝeblecoj kaj prezoj: <kafe@esperanto.org>; Tel/faks: +33-561-81-95-95; retpaĝo: http://perso.wanadoo.fr/kultur.art.festival.eo/

# KEF

Kultura Esperanto-Festivalo okazos en Helsinko de la 17a gis la 23a de julio.

Muziko: koncertoj de Persone, Dolcxamar, Stomakoj, Esperanto Desperado, Juhani Haavisto, Ĵomart kaj Nataŝa.

Literaturo: pri originale esperanta beletro vi povas plikleriĝi en KEF kurse, prelege, prezente kaj diskute, eĉ debate. Jorge Camacho, Liven Dek, Miguel Fernández, Gonçalo Neves, Antonio Valén, Anja Karkiainen kaj Sabira Ståhlberg. Pri literaturaj vortoj debatos Jouko Lindstedt kaj Jorge Camacho.

Teatro: ne maltrafu la premierojn de tri tute novaj teatraj grupoj: "Ibere libere", "Variantoj" kaj "Suninfanoj".

Danco: Kim Henriksen.

Plene esperanta tutvespera diskoteko!

Porinfana programo. Nokta kafejo. Ni manĝos etiope, irake, filipine, latinamerike. Bonvenon al la festivalaj ĝuoj!

www.esperanto.fi/kef2000.html

KEF, Siltasaarenkatu 15, C 65; FIN-00530 Helsinki, Finlando



# Ĉirkaŭ



# la mondo

## Per nur kelkaj vortoj

* La preparlaboroj de la nova Plena Ilustrita Vortaro bone evoluas. PIV estos vere ilustrita, la bildoj akompanos la teskton. Sennacia Asocio Tutmonda, SAT starigis subtenan fonduson. SAT dankos do ajnan monhelpon.

* UEA rememorigas ke, laŭ la siatempa decido de la sia Estraro, la Esperanta Ago-Tago okazas ĉiujare la unuan sabaton de oktobro. Tial do la ĉi jara Ago-Tago estos la 7a de oktobro.

* Kolekto 2000 meritas ja tian nomon. Ĝi finkompletiĝis komence de la nordemisfera Printempo de la 2000a jaro! Jes, aperis jam la du lastaj k-diskoj fermante tiel la Kolekton 2000. Ambaŭ diskoj prezentas bandojn tute novajn, neniam eldonitajn en Esperantujo.

* La "Brazila Asocio por Kursoj kaj Didaktiko de Esperanto" disdonas tute senpage kasedojn kun muzikoj de 16 landoj el 5 kontinentoj, kune kun la koncernaj tekstoj. La programo nomiĝas "Tutmonda Muzika Ĉeno". Petojn faru al: S-ino Denise Maria Silva; Cavalcante, Rua G. Salgado, 600/803, Recife-PE; BR-51130-330 Brazilio. *(ret-info)*

* La E-klubo el C. Trebova (Ĉeĥio) propnas al vi sendi al ili bildkarton de via urbo aŭ regiono. Tiel, per ricevado de multaj bildkartoj, ili volas gaje alpasi en novan miljaron. Limdato estas la fino de novembro 2000. Oni lotumos senpagan restadon en Trebova (sen vojaĝkosto) inter ĉiuj sendintoj, kiuj cetere ricevos E-bildkarton. Adreso: Anna Pistorova; Nove nam. 1746; Cz-56002 Ceska; Trebova. (*ret-info*)

* La direktoro de RF MGIU kaj la AIS-prezidanto subskribis interkonsenton el 8 paragrafoj. Tiuj estas: Fondo de Asocio "AIS-Rusio" kun aparta memstara Junulara Sekcio, funkciigo ^ce RF MGIU de la nova "Ruthenia"-fakultato (kun nepra studado en E-o), okazigo de Internacia Junulara Esperanto-konferenco pri ekologio sub aŭspicio de la Smolenska Atoma Energetika Stacio (SAES), kreo de Interreta biblioteko pri kibernetiko. Danke al tiuj projektoj pri kunagado nin tre favore akceptis la urbestro, kiu konsentis estri la Fondan Komitaton de la Asocio "AIS-Rusio" kaj la direktoro de SAES, unu el la plej potencaj rusiaj atom-stacioj, kiu konsentis patroni la ekologian konferencon.

Lokaj radio kaj gazetaro vaste prilumis ĉi gravan kulturan eventon.

*Irina Gonĉarova (ret-info)*

## Atentu!

Gazeto Andaluzia, trimonata organo de Andaluzia Esperanto-Unuigho, daŭre aperigas en sia angulo "Esperanto Aplikata" komercajn anoncojn el la tuta mondo senpage. La prezidanto de la Asocio, Andrés Martín, invitas vin uzi tiun servon sendante viajn mesaĝojn, se eble interrete.

Shimon Peres, laŭreato de la Nobel-pacpremio en 1994, akceptis la inviton de UEA esti Alta Protektanto de la 85a Universala Kongreso de Esperanto en Tel-Avivo, rekonita de Unesko kiel Flagshipa Evento de la Internacia Jaro por la Kulturo de Paco.

* Aperis artikolo pri E-o en la granda franca gazeto, "Le Figaro". La artikolo informis pri facileco de lernado de Esperanto, nuntempa uzebloj de la lingvo kaj famuloj, kiuj uzas Esperanton.



# Kongreso de Eŭropa Unio

La 4a Kongreso de Eŭropa Esperanto-Unio, asocio al kiu apartenas ankaŭ Hispana Esperanto-Federacio, okazis en la belga urbo Ostendo de la 27a de aprilo ĝis la 1a de majo. Partoprenis ĉirkaŭ 400 homoj. La alloga kongresejo situis en la centro de la urbo. La inaŭguron partoprenis la urbestro kaj aliaj skabenoj, kiuj ne nur salutis sed ankaŭ aldonis kelkajn vortojn en Esperanto.

La programo estes precipe turisma, sed ankaŭ oni prezentis interesajn prelegojn en rilato al la temo de la kongreso: "Ekologio, ŝlosilo por la 3a jarmilo".

La reprezentantoj de la 15 ŝtatoj aliĝintaj al Eŭropa Unio kunsidis plurfoje, interalie por pritrakti la rilatojn kun la eŭroparlamentanoj. S-ro Luis Hernández estis la reprezentanto de HEF, kiel anstataŭanto de Manuel Pancorbo.

La venonta kongreso okazos en la itala urbo Verona.

M.R. Urueña

# Eŭskio... plu

* La 30an de junio, de la 19:30 kunvenos la la membroj de la E-Grupo de Bilbao okaze de la fino de la kurso. Renkontiĝos malnovaj gekonatuloj, interparolos pri lastaj okazintaĵoj kaj eĉ organizos vojaĝojn al someraj E-renkontiĝoj. Kiel kutime, ĉiuj sidos ĉirkaŭ tablo por gustumi la manĝaĵojn alportitajn de la ĉeestantoj.

* 3 bilbaoanoj partoprenis la hispanan E-kongreson, organizita en S. Sebastián de los Reyes; ene de la ĝenerala asembleo de HEF ili informis pri diversaj ideoj, kiuj estis lanĉitaj de nia asocio dum la lastaj monatoj.

* Samkiel pasintjare, laŭ peto de niaj madridaj gesamideanoj, por partopreni la "Fabelan Maratono" organizitan en Guadalajara, ankaŭ tiun ĉi, nia amiko Patxi de la Hoz tradukis eŭsken la legendon "Kial la kokoj ekkantas antaŭ ol aperas la suno?".

* La asociaj kunsidoj daŭre okazas ĉiuvendrede, de la 19:30 ĝis la 21:00. Vizitantoj ĉiam estas bonvenaj.

*J. Miguel García Iturrioz*



# Behi euskaldun baten memoriak

Stranga titolo sur la paĝoj de *Boletín*, ĉu ne? Ĝi estas la titolo de, antaŭnelonge esperantigita kaj eldonita, romano "Memoraĵoj de eŭska bovino" de Bernardo Atxaga. Antaŭ kelkaj jaroj Atxaga gajnis gravan premion per sia *Obabakoak* kaj fariĝis fama kaj ŝatata, kia li jam estis, kaj restas, en la eŭska literaturo. Alia, ankaŭ bone konsiderata, eŭska verkisto, Aitor Arana, respondecas pri la bonega traduko kiun ni povas nun ĝui.

Pasintan 31an de marto ĉe *Axular*, librovendejo de la Alava ĉefurbo Vitorio-Gastejso, estis prezentita antaŭ publiko kaj amaskomunikiloj. Da tiuj ĉeestis vera amaso, ĵurnaloj, radio, televido, ĉar Atxaga ĉiam vekas intereson. Kvankam tio poste ne respeguliĝis en publikigo de artikoloj kaj nur du ĵurnaloj (Gara, El País) reeĥis.

Kiel publiko, krom scivoluloj kaj klientoj, ĉeestis deko de esperantistoj el Vitorio-Gastejso, Bilbo, Donostio kaj Santandero. Ja estis bona ekskuzo por renkonto, kiun oni bone profitis poste!

La tradukinto prezentis sian laboron Esperante, eŭske kaj kastilie kaj faris historion pri la kieloj kaj kialoj. Kurioze li konis la verkon jam ekde ĝia unua eldono sed ne ŝatis ĝin. Jarojn poste, kiam la verko jam atingis dekunu eldonojn, li hazarde retrovis la libron en tabakvendejo kaj ĝin aĉetis. Leginte ĝin Arana entuziasmiĝis kaj decidis traduki ĝin Esperanten. En tiu tasko li trovis plezuron kaj ankaŭ malfacilaĵojn. Li konsideris plej grava la neceson diferencigi la "zuberan" dialekton, kiun parolas unu el la rolantoj, el la normigita eŭska, ĉefa en la romano. Ĉiamaniere li deklaris sin ĝoja pro la rezulto.

Same ĝoja esits Atxaga, kiu fakte helpis en la eldonado de tiu ĉi esperanta versio fariĝanta nun la dekunua lingvo al kiu estas tradukita "Memoraĵoj...". Ĝi estas ankaŭ la dua kiu venas rekte el la originalo kaj ne per aliaj antaŭa traduko. Tion rimarkigis Atxaga kiel io, por li, tre feliĉiga. Li parolis al ni pri la verko ĝenerale rakontante kiel li verkis ĝin dum restado en Parizo. La verkado esitis por li amuzo, kiun li plenumis ĉe kafejoj ĝuante la vivon, kaj, iel, veto. Li estis aŭdinta ke Simenon kapablis verki tutan romanon,kaj krome bona, dum nur unu nokto kaj li provis. Fine li atingis la finon post unu semajno. Kvankam li ne sukcesis la rekordon li donis al la literaturo unu el tiuj maloftaj perloj kiujn ĝui estas vera plezuro. Fine, li diris, por li sufiĉus ke per tia nova traduko almenaŭ unu persono konus lian verkon.

El la publiko venis voĉo kiu demandi al s-ro Atxaga ĉu li konscias ke per la Esperanta traduko lia verko povas esti tradukata en diversajn aliajn lingvojn kaj tiel atingi publikon kiu alimaniere ne konus la libron. Atxaga proklamis sin ĝoje surprizita



Aitor Arana kaj Bernardo Atxaga

kaj, iom ŝerce, li deklaris sin preta ricevi fotografaĵon el, ekzemple, Mongolio de persono leganta lian libron.

La prezento finis per komuna fotado kaj amaseto da esperantistoj petante subskribojn de la verkinto kaj la tradukinto. Ne ĉiutage oni havas tian eblecon en Esperantio.

Poste oni daŭrigis la renkonton en restoracio kaj kafejo por interŝanĝi opiniojn kaj babili. Ĉar ne ĉiuj gastejsaj esperantistoj povis partopreni okazis vespere nova renkonton kaj noktomanĝo. Foje la literaturo donas , krom spiritajn, ankaŭ fizikajn plezurojn.

Mi volus fini, ĉar ne estas mia tasko recenzi la verkon, aldonante personan opinion pri la verko. Ĝi kaptas la atenton ekde la unua paĝo kaj ensorĉas ĝis la fino. Oni ne bedaŭru aĉeti kaj legi tiel bonan libron kiu, laŭ prezo kaj eldona kvalito, estas vera donaco. Ĝi estas aĉetebla eĉ en Ikelkaj librejoj. Ne maltrafu!

*Nikolao Ŝil*

**Mendu ĉe: Libroservo de HEF**
**Apartado 119; ES-47080**
**Valladolid**
**Tel: 983-260086**

# Aitor Arana,

## humila karaktero kaj formika laboremo

Aitor Arana loĝas en apenaŭ 300-loĝanta kvartalo de la montara gipuzka vilaĝeto Azpeitia, en profunda Eŭskio. Li loĝas en eta domo kun pigra hundino kaj sia mult-jara kor-amiko Anes, senlaca kaj neanstataŭigebla apoganto de Aitor en lia kariero. Tamen ne estas probable, ke li akceptus por si kiun ajn premion Klara Silbernik...

Raras la semajno, kiam Aitor ne estas novaĵo en ĵurnaloj, radioj aŭ televido: jen la sklava kondiĉo de unu el la plej fekundaj eŭsk-lingvaj verkistoj. Tio tamen povus doni falsan bildon pri la karaktero de Aitor, kiu paradokse estas homo ekstreme humila, de kutimoj preskaŭ spartanaj, kaj radike malinklina al kia ajn parado.

Ĉi econ de Aitor, tamen, oni nepre ne rigardu masko aŭ afekta pozo, sed ĝi fidele montras al homo diafane travidebla kaj karakterizita de ia naiveco foje ruĝiga. Eble la sola ombro de fiero, kiun li lasas montri, aludas al lia plej ŝatata okupo: "mi estas *profesia* verkisto", li emfazas, "ĉar mi perlaboras mian panon verkante".

"Mi ne estas esperantisto, sed esperantano", li ŝatas diri. Vi neniam renkontos lin en kongreso, en literatura staĝo aŭ monduma intelektula societo, nek esperanta nek eŭska. Kaj bon-volu ne kvizu lin pri la lasta ludbataleto inter la esperantaj verk-koterianoj, aŭ tiom malpli pri la lasta intergalaksia manifesto por la rekono de esperanto... Tio ne interesas lin, nur la lingvo.

Jen tre interesa kontribuo reage al la artikolo de s-ro Jorge Camacho "Esperanto en vortaroj kaj verkaroj" aperinta en Boletín

# Esperanto en ne-esperanta litera turo

Kiamaniere estas prezentata kaj rigardata la Fenomeno esperanto antaŭ la legantoj de libroj (speciale ekster Esperantujo)? Iel, ĉi tiu estis la propono de Jorge Camacho (vd. Boletín n-ro 344, p.28) kiam parolis pri referencoj de esperanto kaj verkaroj. La sugesto ŝajnis al mi ege interesa kaj jen mia kontribuo rilate al mencio de esperanto en kelkaj verkoj de nia hispana literaturo.

La afero ne estas nur tempopasigilo. Unuflanke, ŝajnas kurioze rigardi kion diras gravaj verkistoj pri nia "verda kaj amata ĉevaleto". Sed aliflanke, estas interese analizi kiamaniere esperanto estas prezentata al (kaj/aŭ reflektata de) la socio. Ni devas konsideri, ke pli facilas, ke homoj povas scii ion pri esperanto per ĉi tiuj libroj ol per niaj broŝuretoj aŭ propagando.

Kaj sen pliaj antaŭparoloj, mi prezentas al vi kelkajn citaĵojn inter citilo (eble incitilo por venontaj, mi esperas) en kiuj foje gravas la verkisto, foje la citaĵo kaj foje ambaŭ.

Julio Cortazar: "*Rayuela*" (1963)

* *[...] una trompeta anónima y después el piano, todo entre humo de fonógrafo viejo y pésima grabación, de orquesta barata y como anterior al jazz, al fin y al cabo de esos viejos discos, de los show boats y de las noches de Storyville había nacido la única música universal de siglo, algo que acercaba a los hombres más y mejor que el esperanto, la Unesco o las aerolíneas, una música bastante primitiva para alcanzar universalidad y bastante buena para hacer su propia historia [...]* Seix Barral. 1-a eld., 1984: ĉap. 17, p. 85-86]

* "(Renovigo, N°.5)"

[...] Solamente ke Abila Sanches no escojió el rebólber komo el escritor antiklerikal Giyermo Delora, ni la soga como el esperantista fransés Eujenio Lanti.

*[...] Artista del Lápis y la pluma, nos regaló barias beses kon sus kreasiones. Linguista, era muy afekto a tradusir sus propias produksiones al inglés, esperanto i otros idiomas".* [ĉap. 69, p. 424]

Isabel Allende: "*La casa de los espíritus*" (1982)

* *"Las comunicaciones de Clara con las almas vagabundas y con los extraterrestres, ocurrían mediante la telepatía, los sueños y un péndulo que ella usaba para tal fin, sosteniéndolo en el aire sobre un alfabeto que colocaba ordenadamente en la mesa. Los movimientos autõnomos del péndulo señalaban las letras y formaban los mensajes en español y esperanto, demostrando así que son los únicos idiomas que interesan a los seres de otras dimensiones, y no el inglés, como decía Clara en sus cartas a los embajadores de las potencias angloparlantes, sin que ellos le contestaran jamás, así como tampoco lo hicieron los sucesivos ministros de*

*Educación a los cuales se dirigió para exponerles su teoría de que en vez de enseñar Inglés y Francés en las escuelas, lenguas de marineros, mercachifles y usureros , se obligara a los niños a estudiar esperanto."* [Paza & Janés. 12a eld., 1993: ĉap. IX, p. 254]

* *"Su madre le advirtió que no intentara explicar a sus compañeros lo que había visto sobre la naturaleza humana en los libros de medicinade su tío Jaime, ni hablara a los maestros de las ventajas del esperanto sobre la lengua inglesa."* [ĉap. X, p. 285]

Miguel de Unamuno: "*Niebla*" (1914)

* "En este momento entró en la sala un caballero anciano, el tío de Eugenia, sin duda. Llevaba anteojos ahumados y un fez en la cabeza. Acercose a Augusto, y tomando asiento junto a él le dirigió estas palabras:

—(Aquí una frase en esperanto que quiere decir: ¿ Y usted no cree conmigo que la paz universal llegará pronto merced al esperanto?)

Augusto pensó en la huída, pero el amor a Eugenia le contuvo. El otro prosiguió hablando, en esperanto también.

Augusto se decidió por fin.

—No le entiendo a usted una palabra, caballero.

*—De seguro que le hablaba a usted en esa maldita jerga que llaman esperanto."* [Alianza Editoria, 1986: ĉap. VI, p.79]

Paulo Coelho: "*El alquimista*" (1988)

* *"Pero era preciso seguir adelante. Tenía que creer en señales. Toda su vida, todos sus estudios fueron en busca del lenguaje único que hablaba el Universo. Primero se había interesado por el esperanto, después por las religiones, y finalmente por la alquimia. Sabía hablar esperanto, entendía perfectamente las diversas religiones, pero aún no era un alquimista"* [Obelisco. 33a eld., 1995: p.85]

Guillermo Cabrera Infante: "La Habana para un infante difunto" (1979)

* *Ahora apenas atendía a lo que ella me decía entre los besos o el largo beso sostenido, hablando de ese esperanto del amor, el idioma que siempre espera más que expresa, sordo yo porque estaba más interesado en el beso en sí que en su literatura —en otra época podía haber*



*dicho que atendía más a su lengua que a su lenguaje"* [Club Internacional del Libro: p. 56]

Antonio Machado: *"Juan de Mairena"* (1936)

* *"El libro de la Naturaleza —habla Galileo— está escrito en lengua matemática. Como si dijéramos: el latín de Virgilio está escrito en esperanto. Que no os escandalicen mis palabras. El pisano sabía muy bien lo que decía. El hablaba a los astrónomos, a los geómetras, a los inventores de máquinas. Nosotros, que hablamosal hombre, también sabemos lo que decimos"* [Castalia. 2a eld., 1983: ĉap. XLVI, P.252]

Rodrigo Fresán: "Esperanto" (1995)

* *"Nadie me entiende" (Federico Esperanto)*" [Tusquest, 1a., 1997: p.13]

* *"[...] Los principios básicos del Esperanto así como su gramática [...] están compuestos con las raíces de todos los idiomas indoeruropeos, y Zamenhof decidió ensamblarlo con la bien intencionada aunque un tanto ingenua esperanza de que su criatura contribuyera a la paz y al entendimiento entre las diferentes naciones de este mundo. De algún modo, el Esperanto es lo más parecido a una feliz apología de la esquizofrenia. Un idioma con sindrome de personalidad mútiple y origen Frankenstein. En realidad, si el hombre fuera el animal inteligente que dice ser, bueno, el Esperanto debería haber sido el idioma a desarrollarse después del cataclismo de Babel. Y todos seriamos más felices, seguramente."* [p. 72]

Enrique Jardiel Poncella: "Para leer mientras sube el ascensor"

* *"Y hacia el fondo [...] adivino la cabellera emocionante de miss Joërgen. Pero está muy lejos miss Joërgen; tan lejos como las pirámides de Egipto o la hegemonía del esperanto"* [1932] [Aguilar. 4a eld., 1957: p.431]

* *"ESPERANTO: Idioma universal que no conoce nadie en el universo."* [p. 40]

Eble, ĉi tiu lasta citaĵo ne plaĉos al kelkaj esperantistoj. Mi ja ŝatis ĝin ĉar estas sprita kaj mi ege admiras ties aŭtoro, laŭ mi la plej bona humuristo en hispana lingvo. Krome, eble ni povus apliki ĉi tie la frazon kiun (se mi bone memoras) oni atribuas al Valle Inclán: "Ke ili parolu pri mi, eĉ se bone; se malbone, des pli bone".

*Lorenzo Noguero*

# Abel Montagut premiita!

La abonantaro de "LF" aljuĝis per referendumo la premion La Verko de la Jaro 1999, ĉi-foje rezervita al poezia libro, al «Karnevale» de Abel Montagut, eldonita ĉe IEM en Vieno (la antaŭa gajninto estis Miguel Fernández danke al la poemaro "El la sonoraj soloj"). Gimnazia instruisto, membro de la Kataluna PEN-Centro, Abel Montagut estis la lasta sekretario de la Internaciaj Floraj Ludoj. Li verkas ankaŭ katalune kaj lia plej konata e-libro estas «Poemo de Utnoa».



Lingva angulo

# LINGVA ANGULO 12

de Jorge Camacho

## IR = IRI + REVENI

La vortareto Lexicón Sopena, per kiu ni ĉiuj komencis nian vortumadon en Esperantujo, informas ke "ir" = "iri", "venir" = "veni" kaj inverse. Sed, dum ĝenerale eblas diri, ke "venir" = "veni", pri "ir" kaj "iri" la afero ne estas tiel simpla. Kiel montras la titolo, la hispana "ir", depende de la senco, egalas al du verboj en esperanto: "iri" kaj "veni".

Mi citas la du ĉefajn subsignifojn de "venir" el la difino en Diccionario del Español Actual (konata kiel "el Seco"), de eldonejo Aguilar: "Trasladarse a o hacia el lugar en que se encuentra la persona que habla" kaj "Trasladarse a algún lugar en compañía de la persona que habla". La vortaro Clave (SM) aldonas: "Llegar al lugar en que está la persona que habla". Kaj Diccionario Actual de la Lengua Española (Vox) (oni atentu la adverbojn kaj ĉi ties ordon): "Caminar una persona o moverse una cosa de allá para acá".

Tia estas la uzo de "venir" en la hispana kaj "vir" en la portugala: movo al la sfero de la parolanto, movo al "yo" ("mi") kaj al "aquí" ("ĉi tie"). Por ali-celaj movoj oni uzas tiujlingve la verbon "ir".

Sed ne tiel estas en esperanto! Sufiĉas legi la unuan, kaj ĉefan, subsignifon de "veni" en Plena Ilustrita Vortaro (kvankam mi preferas la sepan): "Moviĝi tien, kie estas la persono, kiu parolas, aŭ al kiu oni parolas". Jen la diferenco. La movo celas ne nur la sferon de la parolanto, sed ankaŭ tiun de la alparolato. Por ali-celaj movoj oni uzas en esperanto la verbon "iri".

Tio tamen ne estas apartaĵo de esperanto. Verdire tiurilate la hispana kaj la portugala montriĝas esceptoj, ĉar la regulon de esperanto oni retrovas en multaj pliaj lingvoj, kiel la kataluna, la franca, la angla, la germana kaj la finna.

Ekzemple, granda vortaro hispana-kataluna diras jene pri la hispana "ir": (ir a un lugar relacionado con uno de los dos interlocutores) "venir". "Iré a tu casa después de cenar" = "vindré a casa teva després de sopar". "Algún día iré a verte" = "algun dia vindré a veure't". // (acudir a una llamada) venir. "Ahora voy" = "ara vinc".

Jen kial la tri ĵusaj ekzemploj tradukiĝas tiel ĉi: "Iré a tu casa después de cenar" = "Mi venos al via hejmo post la vespermanĝo".

"Algún día iré a verte" = "Iam mi venos vidi vin".

"Ahora voy" = "Mi tuj venos".

Evidente la decido pri verb-elekto povas dependi de aliaj elementoj en la kunteksto, kiel ekzemple la situo de la parolanto kaj la alparolato dum la konversacio kaj en la tempo de la priparolata ago. Ankaŭ la uzado de rekta aŭ de nerekta stilo povas influi. Samkiale, la verbojn "volver" kaj "regresar" oni devos traduki jen per "reiri", jen per "reveni", depende de tio, ĉu ili signifas resp. "refoje iri" aŭ "refoje veni".

Estus oportune indiki tiun ĉi lingvan kaptilon en la Granda Vortaro Hispana-Esperanto, ankoraŭ en preparo, ekzemple jene:

"ir": iri (moverse): ir al campo, iri al la kamparo // veni (ir a un lugar relacionado con uno de los dos interlocutores): -¡Ven! -Voy enseguida, —Venu! —Mi tuj venos.

*Jorge Camacho*

# Aitor Arana...

(de la 23a paĝo)

En la eŭska li produktis dekojn da libroj "precipe aventurajn kaj por gejunuloj, sed ankaŭ du-tri pornajn", redaktoris gazetojn, instruis kaj havigis al si plurajn premiojn. De antaŭ dek kvar jaroj li laboras formike super vortarego eŭska-esperanta-eŭska de 35.000 kap-vortoj, kun la sola helpo de la nederlanda kaj eŭskema esperantisto Win Jansen. Li ĵus publikigis eŭskan tradukon de la epizodaro de L. Beaucaire *El la vivo de Bervala sentaŭgulo*

*Joxemari Sarasua*

Por pli da informoj pri Aitor Arana en esperanto vidu ankaŭ:

*Memoraĵoj de eŭska bovino*, traduko lia de romano de Bernardo Atxaga,, Bilbao, 1999.

*Intervjuo al Aitor Arana*, KUSPE, oficiala informilo de Eŭska Espranto-Asocio, n-ro 14, printempo 1996.

*En varma, somera postmido*, rakonto esperantigita de J. Sarasua, La Kancerkliniko, n-ro 84, pĝ. 21-24.

*Esperantoa Ikasgai*, Lerno-libro de esperanto en la euxska], Aitor Arana. HOTS. Legazpi 1991.

# Esperanto en amaskomunikiloj

* La 18an de Aprilo en la radio-ĉeno COPE samideanoj Jorge Camacho kaj Manolo Pancorbo parolis pri Esperanto. Ilin intervjuis ĵurnalistino Luisa Pombo en sia programo "Lo que hay que saber" (Sciendaro), de la 19.00 ĝis la 19.30.

*Darío Rodríguez*

* Jose Millás, nuntempa hispana romanisto, mencias esperanton en sia ŝajne lasta verko "No mires debajo de la cama" (Ne rigardu subliten). La mencio temas pri familio, kun filoj, ĉe kiu esperanto estas parolata.

* La organo de la anarkiisma sindikato CNT, monata ĵurnalo senpage ricevata en nia oficejo, denove raportas pri kurso de esperanto; ĉi-foje en Lorca (Murcia) la tagojn 15an kaj 16an de aprilo. Sur la akompana foto kalkuleblas 16 simpatiaj vizaĝoj. Nenion mi scias pri la responsulo(j) de tiu kurso.

* La vendreda suplemento de ABC "Guía de Madrid" (Madrida gvidkajero) 2000-03-03 publikigis, en la sekcio "Kursoj" anoncon pri la koresponda kurso de HEF.

*Manolo Parra*

## Atentu

Ĉu iu hispano intencas ĉeesti la IJK-on en Honkongo? Se jes, kontaktu min, por eble kuna vojaĝo. Christian Tricio Iraolagoitia; Caldereros, 13-15, 1, B-1; 37001 Salamanca Tel: 923.26.32.41.











1) Jorge Camacho legas la unuajn liniojn de la esperanta versio de *El Quijote* por TV5.

2) David Trigo lerte gvidis plurajn amuzajn atelierojn en kiuj la gekongresanoj lernis elfari plej diversajn aferojn.

3) La spektantoj de la teatra prezento devis aktori. Jen la redaktanto de Boletín rolas kiel fontano, antaŭ la ĝenerala ridado.

4) Luis Hernández Yzal transdonas la Premion Klara Silbernik al s-rino Francisca Jimenez tre bone helpata.

5) Denove oni povis vidi gejunulojn en unu el niaj kongresoj. Kun bonega lingvo-nivelo kaj granda deziro amuziĝi. Kaj ili eĉ klopodis serioze kunsidi!

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora